2a JARO. JANUARO 1910 3a NUMERO (15)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF direktoro ; LEON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



LEOPOLDO II

# LEOPOLDO II

Belgujo funebras pro la morto de sia Reĝo, Lia Moŝto LEOPOLDO II.

La mortinta landestro naskiĝis en Bruselo, la 9an de 1835 kaj mortis en Laken, la 17an de Decembro 1909, la tagon mem de la 44a datreveno de sia kronado.

Lia tuta reĝado estis por Belgujo periodo de paco kaj de prosperado.

Dum 1908 nia lando akiris kiel kolonion la Sendependan Kongostaton, starigitan dank'al liaj senhaltaj klopodoj.

La granda priokupeco de Leopold II estis la plibeligado de Bruselo kaj de Ostendo, la pligrandigado de la haveno de Antverpeno, la disvastigado de la komercaj rilatoj de Belgujo kaj la enkonduko de la persona militista deĵoro.

Ne estas konata de ni kia estis la opinio de Leopold II pri Esperanto, kiu certe estis inda je lia atento, kaj efika helpilo por la gravaj kaj grandaj projektoj, celitaj de la reĝa mortinta. B. E.

# 1909-1910

La belga esperantistaro kuraĝe eniras novan jaron, kun plena fido en la profunda konvinko kaj la konata fervoro de siaj anoj.

1909 estis tre kontentiga por nia movado ; la nombro de la grupoj, aliĝintaj al la Belga Ligo Esperantista, kiu estis 17 je la komenco de l'jaro, atingas nune 24 kaj plej baldaŭ ĝi ankoraŭ pligrandiĝos.

Nia revuo estas en plena prospereco kaj ĝojas pro la simpatio de la belga kaj eksterlanda samideanaro.

La ĉefa fakto de 1909 estis la brila sukceso de la 1a nacia kongreso, okazinta en Verviers, la 27an de Junio. Proksimume 200 belgaj kaj fremdlandaj esperantistoj partoprenis en ĝi ; la Verviers'a urbestraro oficiale akceptis la kongresanojn ; tre interesaj diskutadoj — nur en Esperanto— okazis, kiuj kunigis ĉiujn ĉeestantojn per la sama sento de fideleco al la Zamenhofa Esperanto, kaj niaj amikoj el Verviers organizis tre sukcesintajn festojn, pri kiuj ĉiuj konservas la plej agrablan memoron.

Sur niaj samideanoj ripozas la tasko ne haltigi la laboron propagandan kaj daŭrige dediĉi al nia movado sian tutan sindonon.

Ili kunvenu multnombre ĉe la IIa kongreso, okazonta en Bruĝo, je la 15-16a de Majo, kaj pri kies sukceso ni estas certaj.

La novkomencinta jaro ne nur estu favora al nia kara lingvo, sed estu ankaŭ por ĉiuj samideanoj fonto de feliĉo kaj de prosperado. B. E.

# Pri Volapük

## Personaj rememoroj

Dum la jaro 1890 la internacia lingvo Volapük bruegis tra la tuta mondo.

La Gentaj ĵurnaloj skribis tre laŭdajn artikolojn pri ĝi kaj sciigis baldaŭ la malfermon de kursoj.

Mi decidis aliĝi la grupon de Ledeberg, homplena antaŭurbo de Gento. Mi trovis tie pli ol sesdek partoprenantojn ; inter ili instruistoj, oficistoj kaj komercistoj. Post dekduo da lecionoj mi sukcesis akiri, post ekzameno, ateston pri kapablеco. Ĉiu ekzameno konsistis el mallonga legado, traduko en nacia lingvo kaj en Volapük, diktaĵo kaj malgranda interparolado.

La Ledeberga grupo post nelonge tre prosperis kaj kunigis grandan anaron.

Je tiu tempo volapükaj societoj ekzistis en Gento, Bruselo, Kortrejko, Aŭdenardo, Lieĝo, Antverpeno, S-ta Nikolao, Evergem, Karloreĝo, Torhout kaj kelkaj grandaj komunumoj, kiel Boom, Waarschoot k. c.

Por koncentrigi la movadon, volapüka kongreso estis organizata en Bruselo dum la jaro 1893 ; ĝin ĉeestis proksimume 40 personoj, riprezentantaj 20 societojn.

La diskutado estis tre interesa. Oni interparolis volapüke, flandre kaj france. Granda estis la entuziasmo.

Dum 1894 okazis en Antverpeno la dua — kaj lasta — nacia kongreso. Kvankam la ĉefaj grupoj estis sendintaj delegitojn, la ĉeestantaro estis multe pli malgranda ol la antaŭa jaro.

En Januaro de la sama jaro aperis en Gento la unua numero de VOLAPÜKA BELGÄNIK, monata revuo (23×16) okpaĝa, unue redaktita de S-ro B. de Guchtenaere, kaj de mi de Novembro 1894 ĝis Julio 1906, apero de la lasta numero.

Volapüka revuo estas ankaŭ ekzistinta en Antverpeno de 1887 ĝis 1893 sub la nomo NOGAN VOLAPÜKIK ; alia aperis in Gento dum la jaroj 1892-1893 sub la titolo : DÖ PÜK BEVUNETIK.

Mi interŝanĝis VOLAPÜKAN BELGÄNIK kun 15 volapükaj aliaj revuoj. Laŭ mia memoro la nombro de la tutmonda volapüka revuaro neniam atingis 50.

* * *

Intertempe oni priparolis la aperon de novaj projektoj pri internaciaj lingvoj, i. a. SPELIN, MONDALINGVO kaj NOVLATIN. Kvankam la plej kleraj volapükistoj valorigis la superecon de sia lingvo, multe da samideanoj ekŝanĉeliĝis, despli ĉar ĉiuflanke estis farataj proponoj pri ŝanĝoj, kiujn PASTRO SCHLEYER, elpensinto de la lingvo, ne interkonsentinta kun la volapüka Akademio, ne volis aprobi.

Iom post iom la nombro de la volapükistoj fandiĝis, la kluboj disiĝis, la revuoj perdis siajn abonantojn kaj kunlaborantojn kaj fine la lingvo mem malaperis.

Mi sincere bedaŭris la falon de Volapük, kies altan celadon mi ege aprobis, kune kun ĝia rilata loĝikeco kaj ĝiaj malmultnombraj kaj simplaj gramatikaj reguloj. Sed la lernado de la vortoj estis tre komplika : je ĉiu momento oni estis devigata konsiliĝi kun la vortaro.

* * *

Dum la lastaj jaroj mi konatiĝis kun Esperanto kaj mi retrovis pri la Zamenhofa kreitaĵo novan entuziasmon, novan fervoron. La legado de esperantaj libroj kaj ĵurnaloj tre interesis min kaj baldaŭ mi konkludis, ke ĝi multe superas Volapük. Mia konvinko de tiam estis farita, kaj mi renkontis en Gento, Ledeberg kaj S-t Amandsberg multajn samideanojn kun kiuj mi senlace klopodas por la florado de la novstarigita Genta grupo, kiu tre kontentige prosperas.

Pri ĝi mi korespondos volonte kun BELGA ESPERANTISTO, al kiu mi prezentas mian sinceran antaŭdankon pro la bona akcepto de la ĉi supraj linioj.

JULES BARBE-DE KNEEF,
S. D. de U. E. A., Sekretario de la
*Genta grupo esperantista.*

# Rerigardo al la Studenta Tempo

Laŭ germana melodio :
*O alte Burschenherrlichkeit !*

Esperanta teksto de
Frans Swagers

*Iom malrapide*

1. *p* Nun est - as vi por ĉi - am for, Ho
bel - a stu - dent - ec - o ! Sed ne for - ges - as
*mf*
ni - a kor' Vin, temp - o de gaj - ec - o. Ne
plaĉ - as stu - dent ĉap - - - o Sur ni - a grav - a
kap - - o ! Ho bel - a stu - dent - ec - o, Ho
temp - o de jun - ec - o !

2

Tre lertaj homoj gvidis min
En vivo kaj scienco ;
Mi studis lingvojn kvar aŭ kvin
Kun nobla pacienco,
Kelkfoje en studejo,
Pli ofte en trinkejo.
Ho bela studenteco,
Ho tempo de juneco !

3.

Mi studis iom en maten',
Neniam en vespero,
Ĉar tiam vokis min festen',
Fraŭlino aŭ biero.
Mi amis kaj trinkadis
Kun forto mi kantadis :
Ho bela studenteco,
Ho tempo de juneco !

4.

Disiris fine l'amikar'
Kun plenlernintaj kapoj,
Kaj multaj kreskis en l'homar'
Nun kiel dikaj napoj.
Jam estas profesoroj,
Dentistoj aŭ doktoroj.
Ho bela studenteco,
Ho tempo de juneco !

5.

Amikoj, rejunigu vin,
Kantante tiun kanton ;
Anstataŭ lingvojn kvar aŭ kvin
Nur lernu Esperanton.
Vi studentiĝos ree,
Vi feliĉiĝos tree.
Ho bela studenteco,
Ho tempo de juneco!

« Belga Esperantisto » publikigos ĉiumonate esperantan kanton, kun la notita melodio. En la februara numero aperos : *Esperantista trinkkanto*, laŭ bela germana melodio. La teksto estas de nia estimata kunlaboranto, S-ro Fr. Swagers.

# Al la Belga Ligo Esperantista kaj al la legantoj de " Belga Esperantisto „

Novjaro estas la epoko de l'memoroj, aŭ piiĝuste de l'rememoroj. La *Woluwa Blindulgrupo Esperantista* ankaŭ rememoras pri la intereso, pri la morala helpo kaj kuraĝigo de la belgaj kaj de multe da eksterlandaj esperantistoj al si. Ĝi prezentas al ĉiuj sian plej varman dankon, kaj bondezirojn plej sincerajn.

Ĝi ankaŭ permesas al si prezenti al la legantaro de « Belga Esperantisto » mallongan raporton pri sia agado.

Neeble estas diri la ĝustan nombron de la grupanoj, ĉar estas rajte membroj ili, kiuj ĉeestas la esperantan kurson, donatan en ĉiuj lernejoj, escepte en la unuajara. Se kelkaj lernantoj ne regule aŭ tute ne ĉeestas la lecionojn, tamen ĉiuj, eĉ la lastaj, pli aŭ malpli parolas kaj komprenas la lingvon, kaj laŭ flandra diro, oni ne ilin vendos en Esperanto.

La raporto de la kasisto estas facile farebla, ĉar la kaso estas kaj sendube restos malplena. Por ke neniu pro monmanko devu eksiĝi el la grupo, nia direktoro ne volas, ke ni pagu kotizajon kaj la nombro de la protektaj membroj estas unu (el Rusujo). Tiu situacio tamen ne tro malhelpas nian agadon, ĉu eksteran, ĉu hejman. Ĉiujare pligrandiĝas iomete nia esperanta biblioteko ; ni ricevas senpage kelke da nigre presitaj revuoj, nome : *Belga Esperantisto, Oficiala Gazeto, Lingvo Internacia, Juna Esperantisto, Espero Katolika*, kaj iuj numeroj, sed neregule, de *Rumana Esperantisto* kaj de aliaj revuoj : Al la malavaraj donacantoj ni esprimas tie ĉi nian koran dankon, ĉar al ili ni ŝuldas la eblecon resti en la tutmonda agado.

Ni devas aldoni, ke niaj unuaj amikoj, al kiuj ni ŝuldas esti esperantistoj, daŭrigas al ni sian simpatian intereson, kaj sendas al ni senpage la revuon *Belga Sonorilo*. Kvankam ni povas nek sekvi nek aprobi ilian nunan agadon, ni daŭrigas il ili nian dankon pro la ricevita bonfaro kaj la nuna bonintenco, kaj ĉiam esperas, ke plej baldaŭ ili repartoprenu en nia esperanta agado.

Tri el ni abonas « Esperantan Ligilon » en Braille, kaj nia direktoro ĝin ankaŭ abonas por la aliaj. Plie, ĉiudimanĉe ni ricevas okpaĝan, en la instituto rondirantan, gazeton « La Lumradio », kiun skribas por ni F-to Isidoro.

Tiun ĉi jaron ni korespondis kun blinduloj el Ĉilio, Usono Meksikujo, Brazilujo, Bohemujo, Saksujo, Svisujo, Anglujo, Egiptujo, Svedujo kaj Francujo kaj ricevis informojn pri multnombre da esperantistaj grupoj.

La Blindulkongreso de Napoli (Marto-Aprilo), laŭ propono de F-to Isidoro, esprimis la deziron, ke Esperanto estu instruata en ĉiuj blindulejoj, kaj uzata en la internaciaj blindulkongresoj.

La 19an de Decembro nia kunlerninto kaj samideano, Fédor Reynaert el Renaix faris en Roux paroladon pri la edukado de la blinduloj, kaj li montris la gravecon de Esperanto en tiu edukado. La ĉeestantaro estis tre granda, kaj la gazetaro laŭde priparolis la konferencon. Ni prezentas al nia kamarado nian sinceran gratulon.

Ni ne povas fini tiun raporton, ne atentigante la legantaron pri gravega rezultato baldaŭ akirota de nia agado. En Usono kaj Meksikujo la blinduloj uzas ĝis nun skribsistemon malsaman al la nia, aŭ pliĝuste al la tutmonda. Niaj amikoj de l'Bostona kaj de l'Meksika instituto jam skribis al ni per niaj braille-literoj ; do, per Esperanto, ili konas nian skribon, kaj laŭbezone ĝin uzos en sia angla aŭ hispana lingvo.

Por la *Woluwa Blindulgrupo Esperantista* :

La Prezidanto, J. HUEGAERTS.

La sekretarioj, H. LISTON, M. CLYMANS.

---

# LA RESANIGISTOJ

Ĉu iam dentoj suferigis vin ? Tiam, sendube en tiu malĝoja kaj doloranta momento, vi estas vizitita de kompatemaj najbarinoj, kiuj alparolis vin per la ĉiamaj vortoj : « Aŭskultu min, sekvu bonan konsilon, mi suferis pli multe ol vi, provinte ĉion sensukcese. Iam najbarino dentsuferinta ankaŭ diris al mi ... (legu supre) ». Nu ! ĉu vi konas tion, kio resanigis min ? Ne ! Simple : de pendigito ŝnurpeco infuzita en duonlitro da purigita oleo ! Mi konsilis ĝin al ĉiuj konatuloj. Dubi pri tio, vi povas, tamen ĉiu sukcesis per ĝi ». La nombro de efikaj kuraciloj por la dentdoloroj estas senlima, kaj oni ne povas kompreni ke ekzistas ankoraŭ malsanaj dentoj. Ĉi tiuj estas, ja, la solaj kulpuloj. Aliaj personoj resaniĝis, per la enkonduko en ĉiun naztruon de bruno paperkorneto ; oni ekbruligas ĝin — la korneton kompreneble — kaj per la buŝo kaj la nazo larĝe malfermitaj oni enspiras la fumon. Provu tion, kaj, se vi ne estos sufokita, vi dankos min. Aliaj uzas magiajn ŝtonetojn ; en ia urbeto estas ŝlosilo helpanta al la denteliro ĉe la novnaskitoj ! Kia rilato ekzistas inter ŝlosilo kaj dentoj ? Mi ne scias. Sed patrinoj kaj vartistinoj el la tuta

regiono alportas tien la infanetojn. Tamen la denteliro efektiviĝas laŭ la komuna kutimo per ploroj kaj grincadoj ; la bubeto ne suferas konstante, tiam ne estas la naturo, kontraŭe estas la ŝlosilo kiu forpelis la doloron. Iaj personoj je l' momento de suferoj kraĉas trifoje aeren ; aliaj — kaj tiuj lastaj estas tute pravaj — nenion faras, atendante pacience la malaperon de l' doloro. Kelkfoje la doloro kvietiĝas, sed ĉar la suferantoj ne enkaptas la motivon de tio, ili konkludas ke la uzita rimedo produktis la kontentigitan rezultaton. Dudekfoje la komuna resanigilo malsukcesis, sed tamen unufojon, unu miraklan fojon, ĝi sukcesas aŭ pli ĝuste la doloro ĉesas ; tuj mirindaĵo ! oni forgesas la dudek realajn malsukcesojn nur memorante pri la ŝajna sukceso. Oni rekomendas la resanigilon al siaj najbaroj kaj al proksimaj aŭ malproksimaj parencoj. Oni ni forgesas aldoni — pro amo al la vero — ke ĝi ĉiam resanigos ; oni diras « Aŭskultu min, sekvu bonan konsilon »... (legu supre). En tiu entuziasmo pri la konsiloj kiujn oni disdonas, estas ja multe da vaneco ; oni volas sajni disdonanto de efikaj konsiloj, oni volas aperi antaŭ la malsaneta najbaro, kvazaŭ dio, inteligenta disdonantulo de bienoj, kvazaŭ ia speco de « granda Manitu » kaj ĉar nenio estas pli senkuraĝigita ol viro kaj precipe virino (ho mia Dio!) kiuj dentsuferas, la najbaro eĉ inteligenta, eĉ nekredema provos la proponitan resanigilon. Se ĝi ne estos sukcesinta, la kompatema najbaro provos alian tiel ankaŭ sukcesplenan. Iam oni trafis la celon, sed kiam la doloro senintermanke premegas la malfeliĉulon, ĉu vi opinias, ke li vizitos la dentiston, loĝantan en la sama strato ? Tute ne, li kuras, li forflugas al la resanigisto. Je l' tempo de la fablisto La Fontaine la divenistino kaj la resanigisto loĝis en malpurega mansardo ; la metio postulis tion. Ne havante malpuregan ĉambreton, inferan balaon, kaldronon kun najloj interne, la divenistino ne povis diveni la estontecon, la resanigisto ne povis resanigi. En la nuna tempo la resanigisto devas plenumi nur unu kondiĉon : li devas esti « spiritisto ». Ĉi tiu, kelkfoje sammaniere resanigas kiel la ŝnurpeco de pendigito. Li resanigas ankaŭ per la fido kiun li inspiras. Ĉu li ne estas la viro, tenanta en sia povo, la bonajn kaj malbonajn spiritojn ? Fido efektivigas miraklojn, ĝi influas la nervajn malsanojn, kaj povas per tio, iom influi aliajn organajn funkciojn.

Ia angla vojaĝanto estas skribinta : « Oni ne povas kompreni la orientajn religiojn, se oni ne konas la facilecon per kiu orienta kapo enlokigas en si kontraŭdirojn ». Tio estas la alfabeto de l' religia historio en tiuj landoj. La Anglo ŝajnas malprava, farinte la honoron de tiuj kontraŭdiroj al la solaj Orientlanduloj. Sendube troviĝas ankoraŭ en Turkujo personoj tre instruitaj kaj eĉ inteligentaj, kiuj kredas ke Mahometo enmetis la duonon de la luno en sian manikon ; ili tamen tre

bone scias ke la luno estas pli granda ol telero. Sed en Belglando ni agas same. Virino loĝis super la ĉambro de fama resanigisto kiu ĝis tiam zorgis pri ŝia karega sano. Iam, ŝi enlitiĝis por akuŝi; oni venigis kiel kutime la resanigiston. Alveninte, li konsilis la alvokon de kuracisto; la spiritoj ne estas lertaj pri akuŝi! Nu! mi vetas, ke la resanigisto estas tiu, kiu elirigis la dentojn en la buŝo de l'infaneto! Oni scias ke antaŭlonge, kiel ankoraŭ nun, ekzistis resanigistoj. En la antikva Grekujo, ili estis la pastroj de la dio « Asklepio » duonkuracistoj kaj duonmiraklofarantoj. Pro dankemo la resanigito dediĉis al la Dio la bildon de la malsana parto. Tiel, iom post iom, la asklepiaj temploj fariĝis malgrandaj patologikaj muzeoj. La pastroj enskribis la kronikon de l' resanigoj. Oni estis gravurinta sur marmoraj kolonoj la miraklan rakonton taŭgantan por pligrandigi la fidon de l' pilgrimantoj kaj kreskigi la famon de l' sanktejo. Oni estas elfosiginta ne nur « dediĉaĵojn » sed ankaŭ enskribaĵojn rilate al la resanigoj. Estas blinduloj kiuj vidas, lamuloj kiuj marŝas, senhararuloj kies haroj rekreskadas, mutuloj kiuj parolas. Jen estas kelkaj linioj eltiritaj el enskribaĵo trovita, per serĉaj fosadoj, en la greka urbo Epidaŭro kie estis fama pilgrimejo :

« Ambrosia estis unokulino, ŝi petegis la Dion pri sia resaniĝo. Promenante en la ĉirkaŭo de l' sanktejo, ŝi mokis kelkajn resanigojn, dirante ke estas neverebIe, neeble, ke lamuloj marŝas, blinduloj vidas, post kiam ili estis nur enkaptitaj de sonĝo. Sed, dum ŝi dormis, ŝajnis al ŝi ke la Dio aperas kaj diras al ŝi : mi vin resanigos, sed mi postulas de vi, por puno, ke vi enmetu en la templon arĝentan porkon kiel memoraĵon de la frenezo montrita de vi. Tiam la Dio, malfermetas la malsanan okulon en kiun li enŝovas kuracilon. Je l' tagiĝo ŝi eliris resanigita ».

Jen por la senhararuloj, provintaj ĉion sensukcese :

« Herajus de Mitileno havis nenion haron sur la kapo, sed multe da ili sur la vangoj. Hontante pro la mokoj per kiuj oni lin superŝutis, li ekdormis en la dormejo de l' templo ; la Dio frotis lian kapon per ŝmiraĵo, kaj la kapharoj rekreskadis. »

Ĉu estas la vero ? Miaj kapharoj rekreskadus ?

Mi kuregas tien.

D-RO ANTAŬENANO.



# Malnovaj belgaj kutimoj

# La kermeso (urba festo) de Monso

*(La Ducasse de Mons)*

**MONS (Bergen).** — Ĉefurbo de la provinco Henegaŭo — havas 27.000 loĝantojn, kaj kovras la flankojn de izola konusa monteto de 30 metroj da alto, kiu donas al ĝi ĝian nomon. La plej rimarkinda konstruaĵo estas la preĝejo de Sankta Waudru, unu el la plej belaj ogivaj preĝejoj el Eŭropo. En ĝi, sub la orgenejo, oni vidas triumfĉaron, la faman « Car d'Or », en kiu, je la procesio de la Triunuo, oni portas la restaĵojn de la monsa Patronino. La Urbdomo, sur la Granda Placo, estas ĉarma ogiva konstruaĵo. La Belfrido aŭ Kastelturo, tiel nomita por memorigi la kastelon de la Henegaŭaj grafoj, kies lokon ĝi okupas, estas konstruita preskaŭ sur la supraĵo de la monteto, kaj videbla de tre malproksime. Ĝi estas eleganta konstruaĵo, la sola de tiu speco en Renesanca stilo. De la plantaĵo de la kastelo, oni ĝuas beleganpanoramon de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. — Gravan rolon ludis la urbo Mons en la historio de Henegaŭo. En la deksesa jarcento ĝi estis ĉie konata pro sia fabrikado de drapo, sed la persekutadoj de la Reformacio, forpelinte multajn fabrikantojn, kaŭzis la morton de tiu industrio.

Sur la Granda Placo de Monso, kontraŭ la malnova kapelo de Sankta Georgo, okazas ĉiujare, je la dimanĉo de la Triunuo, la fama parado de la « Lumeçon » kiu servas kiel epilogo al la granda procesio de Sankta Waudru, kaj en kiu, pro unu el tiuj strangaĵoj kutimaj ĉe la popolaj tradicioj, estas intermiksitaj la legendo de sankta Georgo kaj tiu de la kavaliro Gilles de Ghlin. Je tiu okazo aperas la Ora Caro (Car d'Or), veturilo fama pro la restaĵoj de Sankta Waudru, jam nomita en la kalkuloj de la urbo je la mezo de la dekkvara jarcento. Ĝi estas ŝipforma, kovrita per oraĵoj, ornamita per blazonŝildoj, anĝeloj kaj aliaj diversaj apudaĵoj. Unufoje ĉiujare, oni en ĝin enmetas la du kestojn : la unu enhavantan la korpon, la alian la kapon de la Sanktulino, kaj ĝi estas trenita tra la stratoj de Monso de ses fortikaj bierfaristĉevaloj, meze de la pia sekvantaro kiu antaŭiras la tradician paradon. — La religia procesio eliras el la preĝejo de Sankta Waudru je la duono post la deka, por trairi la stratojn de la urbo. La orfoj malfermas la marŝadon, sekvataj de ĉiuj parohoj kun iliaj flagoj, sanktaj restaĵoj kaj bildoj de iliaj respektivaj patronoj. La Ora Caro venas poste, antaŭita de muzikkorpuso. Sekvas la pastraro, eskortata de la soldatoj- fajrestingistoj. Fine Sankta Georgo, ĉevale, la kasko sur la kapo kaj la glavo je la flanko, antaŭeniras tute sola.

Je la tagmezo, la procesio finiĝas : Sankta Georgo revenas sur la Grandan Placon, tiun ĉi fojon sekvata de la aliaj aktoroj.

La drako svingas sian longan voston, forprenante ĉirkaŭe multajn ĉeestantojn ; tio kaŭzas grandan tumulton kaj bruajn ridegojn. La batalo okazas antaŭ la malnova kapelo : la « doudou », tiu estas la drako, havas kiel sekvulojn Sankta Georgo, kvar « chins-chins », rajdantajn sur malgrandaj salikaj ĉevaloj, plie rezervon de du sovaĝuloj, vestitaj per foliaĵo kaj portantaj bastonegojn... Post furioza batalado, la drako estas venkita ; la diabloj, faligitaj, estas fortrenitaj per la bravaj « chins-chins », kaj sankta Georgo estas ricevonta, en la formo de premio, la rekompencon de sia venko. Dume la sonorilego de la belfrido laŭtege sonoradas, kaj la sonorilaro ludas la faman arion la « Doudou », malnovan lokan marŝarion, laŭ kiu oni kantas gajan monsan kanton, memorigantan ĉiujn okazintaĵojn de tiu festtago.

El « le Hainaut pittoresque » de ALEXIS M. G., kun afabla permeso de la aŭtoro

MARIA POSENAER,
esperantigis.

---

# ESPERANTO FACILA

## NEBULAJ ERAROJ

AŬ

## Noktaj aventuroj de du gastoblanoj

De du monatoj ni havas en nia gastotabla mezo (1) du junajn komercajn komizojn (2), kiuj esperantiĝis nur de duonjaro. Unu el ili, Ŝpund, estas Germano kaj loĝas en loĝejo (3) en la nordo de la urbo, la alia, Sapristini, estas Italo kaj (kompreneble) loĝas en la sudo. Fizike (4) juĝante ilin, oni povas diri, ke ambaŭ havas preskaŭ saman altecon, dikecon kaj enhavecon (5), ĉar vere, la sudulo manĝas kaj trinkas tiom kiom la nordulo. Ambaŭ estas fervoraj gasttablanoj, kiuj kuraĝas esprimi jam ĉiun aferon en Esperanto, kaj kiuj agrabligas niajn sabatajn kunsidojn per sia gaja karaktero. Malfeliĉe ambaŭ devas ĉiufoje foriri iom tro frue, tial ke iliaj loĝejestrinoj ĉiam koleras, kiam ili revenas hejmen en « malgrandaj noktaj horoj ».

Nu, la lastan sabaton okazis grava interparolado cirkaŭ la gastotablo. Oni diskutis pri la belgaj okazintaĵoj (6) de la lastaj tagoj, la malsano kaj morto de Leopoldo IIa, lia karaktero kaj vivo, liaj filinoj, lia posteulo (7), k. t. p. Oni multe laŭdis (8), ofte dubis (9), kelkfoje akre (10) kritikis, sed ĉiam super ĉiu politika partianismo, kiel decas (11) en vere frata esperantista rondo.

Kiel kutime (12), niaj du junaj komizoj serioze partoprenis en la diskutado. Sed, ĉirkaŭ la noktmezo, la Italo subite ekkriis: « Sankta teujo ! Kiom malfrue estas ! Ŝpund, ni iru for !»

La ambaŭ amikoj pagis siajn diversaĵojn trinkitajn (13), flugis en la vintrajn surtutojn, manpremis la samideanojn kaj eliris. Antaŭ la Hotelo Stein, dezirinte bonan nokton unu al la alia, ili disiris.

Ŝpund direktis do siajn ŝancelantajn krurojn al la norda kvartalo (14) de la urbo. La diskuto estis varma kaj soifiga : pro tio, li trinkis iom pli ol kutime.

Frostis terure. Ŝpund rapidis tra la silentaj stratoj, kantetante por si sola :

« Nun estas vi por ĉiam for,
Ho bela studenteco ! »

Kaj li repensis pri tia universitata vivo, pri la bona germana loĝejestrino, kiu neniam koleris, kiam li revenis malfrue, ĉar ŝi bone konis kaj respektis la studentan kutimaron. La nuna mastrino, male (15)...

Jen, fine, la fromaĝvendejo, kie li loĝas sur la dua etaĝo. La « Fromaĝulino » — tiel li ŝin bapte nomis, — kompreneble dormis jam de la deka.

Ŝpund eligis la ŝlosilon (16) el sia poŝo kaj senbrue metis ĝin antaŭ la seruron. Sankta bierkruĉo ! kio estas ? Ne estas lia ŝlosilo !... Kio okazis ? Se la amikoj faris tion, — ve !

Ŝpund alproksimiĝis (17) ĉe stratlanternon, rigardis la ŝlosilon. Vere, estis alia. Sed, rigardante ankaŭ la surtuton, li rimarkis ke ĝi estas tiu de lia amiko Sapristini. Nun, li komprenis ĉion...

Li ridis kore unu momenton, sed serioziĝis baldaŭ. La situacio estis grava ! Veki la severan Fromaĝulinon ? Pri tio Ŝpund ne povis eĉ ekpensi. Li decidis do reiri al la Hotelo Stein, kie li eble revidos sian amikon, pro la sama tialo.

Kaj fakte (18) ! Post la longa reirpaŝado, alproksimiĝante ĉe la hotelon, li ekvidis Sapristini, alvenantan de la alia flanko. Lia amiko ridis kaj alte tenis ŝlosilon en la mano.

La afero estis klara nun. Ambaŭ amikoj ridante interŝanĝis la malbenitajn (19) ŝlosilojn kaj decidis reeniri ankoraŭ la trinkejon, por trinki, ripozi kaj varmiĝi iom.

Apenaŭ la aliaj gasttablanoj rimarkis ilian revenon, ĉar pli grave ol antaŭe ili daŭrigis la faman diskutadon, kiu fine povis eĉ endanĝerigi la senpolitikan karakteron de la gastotablo. Ŝpund kaj Sapristini komprenis tre bone tiun danĝeron kaj penis interkonsentigi la tutan diskutantaron.

Post kvaronhoro, ĉiuj estis ree trankvilaj kaj gajaj. Oni ĝenerale konfesis, ke tia longa diskutado estas bonega ekzerco en esperanta interparolado.

Sed tiam estis jam la dua matene ! Ciu levis sin rapide, la du komizoj antaŭ la aliaj.

— Atentu nun ! ekkriis Spund al Sapristini, ĉu vi scias ke ni ankaŭ estis metintaj la surtuton unu de la alia ?

— Jes, jes, respondis Sapristini. Jen estas la mia. Cu vi nun havas la vian ?

— Nenia dubo ! rigardu nur. Kaj nun, antaŭen !

« Disiris fine l'amikar'
Kun bierplenaj ventroj... »

Kantante unu salutis la alian kaj rapidis al sia hejmo. Post duonhoro da marŝado, ŝovado, flankiĝado tien kaj reen, Spund alvenis duafoje antaŭ la fromaĝvendejo.

Sankta bierkruĉo ! Kiel klarigi tiun mirindajon ? Ree la ŝlosilo rifuzas enŝoviĝi en la seruron !

Spund, senkuraĝiĝinte, rigardas la ĉielon. Kiel rondajego da holanda fromaĝo, la luno brilas sur la firmamento kaj ŝajnas moki lin. Tiam, en ĝia heleco, li rigardas la surtuton: tiu ĉi nun estas vere la lia ! Kaj oni tamen interŝangis la ŝlosilojn antaŭ la Hotelo Stein !...

Kiu kreitajo (20) povas kompreni tion ? La malfeliĉa Spund, en sia nebula situacio, certe tute ne. Kun sopirego, li sidiĝas sur la sojlon de la fromaĝvendejo, li pensas, pripensas.

(La leganto bonvolu iri al la fromaĝvendejo por vidi, ĉu Spund ankoraŭ sidas en la sama loko, kaj demandi, ĉu li jam trovis la solvon de la grava problemo.)

SKALDO.

**Klarigoj** : (1) mezo : midden, milieu ; — (2) komizo : klerk, employé; — (3) loĝejo : logies, logement ; — (4) fizike : stoffelijk, physiquement; — (5) enhaveco : inhoud, contenance; — (6) okazintajo : gebeurtenis, évènement; — (7) postculo : opvolger, successeur ; — (8) laŭdi : prijzen, louer, estimer; — (9) dubi : twijfelen, douter; — (10) akre : scherp, sévèrement ; — (11) deci : betamen, convenir à ; — (12) kiel kutime, als naar gewoonte, comme d'habitude ; — (13) trinkitajo : het gedronkene, les boissons bues ; — (14 surtuto : overfrak, pardessus ; — (15) male : tegenovergesteld, au contraire; — ŝlosilo : sleutel, clef ; — (17) alproksimiĝi : naderen, s'approcher ; — (18) fakte, inderdaad, de fait ; — (19) malbenita : gevloekt, damné ; — (20) kreitajo : schepsel, créature.

———xxx———

## HUMORA RAKONTO

Bobby Burns estis tre ebriiĝema. Preskaŭ ĉiutage li estis « en la vinberejo de la Sinjoro ».

Unu fojon, irinte en la urbon, li tie — laŭkutime ! — vizitis multajn trinkejojn kaj reveturis hejmen, sur la kamparon.

Lia ĉevalo, kiu tre bone konis la emon ebrian de sia mastro, iris malrapide laŭ la vojo, dum Burns, ellasinte la kondukilojn kaj kuŝante en la ĉaro, baldaŭ profunde ekdormis.

Alveninte en la apudaĵo de la hejmo, le ĉevalo haltis por manĝi la herbon, kreskantan laŭlonge de la vojo. La edzino de Burns, kiu de longe kaj senpacience atendis sian edzon, iris renkonten al li, kaj ekvidinte la ĉaron, singarde kaj senskue malĵungis la ĉevalon, ne maltrankviligante la dormadon de la ebriulo, kiu ronkis kiel bovo.

Vekiĝante pro malvarmo kaj pro la unuaj matenaj bruadoj, Burns frotis al si la okulojn, oscedis kaj, ŝanceliĝante, malsupreniris la veturilon. Rigardante ĉirkaŭen, li legis atente sur la ĉaro pentritan, sian propran nomon : ROBERT BURNS. Ekvidinte policanon alproksimiĝantan :

— Diru, amiko mia, ĉu mi estas Bobby Burns ? li demandis.

La policano konfuziĝis, kaj mirigate alrigardis la poeton.

— Ĉu mi estas Bobby Burns ? li redemandis. Ĉar, se mi estas Bobby Burns, mi perdis ĉevalon, kaj se mi ne estas Bobby Burns, mi trovis ĉaron. PATRICK P.

## EN LA POŜTOFICEJO

En la poŝtoficejo alvenis letero kun la jena adreso : *Al mia kara filo en X.*

La poŝtestro pretiĝis por jeti la leteron en la paperkorbon kiam sin prezentis junulo, demandante : Ĉu ne alvenis letero de mia amata patro ?

— Jen certe la kara filo ! diris la poŝtestro.

Kaj li donis al li la leteron.

## SENEFIKA RIMEDO

Bobs sin pendigis -- sub la akseloj — al arbo en sia ĝardeno, kaj balanciĝis en la aero.

Alvenis Snobs, kiu demandis al li : Kion vi estas tie faranta ?

— La vivo tedas min, estis la respondo, kaj mi pendigis min.

— Sed kial vi ne almetis la ŝnuron ĉirkaŭ vian kolon ?

— Tiamaniere mi provis, respondis Bobs, sed mi ne povis spiri.



# PROBLEMOJ(1)

1. **Divenaĵo.** — Viro sen okuloj vidas pomojn sur arbo ; li ne forprenas pomojn de la arbo, kaj tamen li ne lasas pomojn sur ĝi. Kiel vi klarigas tion ?

2. — **Demando.** — Kial la germanaj soldatoj surmetas kaskon kun pinto ?

3. — **Metagramo.** — Kun *d* mi estas loĝejo — kun *h* mi estas via proksimulo — kun *n* oni konigas la estaĵojn — kun *p* mi estas bongusta frukto, — kun *r* mi estas urbo. Kio mi estas ?

AMATUS.

**Eratumo.** En la dua problemo de Decembro oni erare forlasis la du silabojn ig- of. Aldonu ilin al la 21 donitaj silaboj.

---

# *DIVERSAJ INFORMOJ*

**Al la policanoj esperantistaj.** — En Parizo kaj Dresdeno ekzistas grupoj policanaj, kiuj laboradas por enkonduko de Esperanto ĉe la diverslandaj policadministracioj. Jam kelkaj izolataj policanoj petis sciigojn.

Sekve fondiĝis « Internacia Policasocio Esperantista » (I. P.) kies sidejo staras en Parizo, ĉe la polica prefektejo mem.

Tiu asocio petas la samcelajn kolegojn el la tutmonda policaro, ke ili sendu siajn adresojn, kun respondaj poŝtkuponoj (se eble) por ricevi sciigojn, kiuj permesos al ili partopreni en tiu societo, kaj helpi la esperantan progresadon en la grava policarmeo, kaj faciligi la estontajn eksterajn interrilatojn pri la policaj aferoj.

Pri tio, oni petegas ĉiujn samideanojn, fari propagandon kaj klopodojn apud niaj samprofesiuloj.

Nenia kotizajo estas petata por partopreni en I. P.

Sin turni al :
Sro MIGUIERE. Policinspektoro,
Prezidanto de Polica Klubo de Paris,
Sekretario de Internacia Policasocio.
Polica Prefektejo en Paris.

**Preseraro.** Paĝo 29, linioj 49-50 estas presita « *lia* propra nomo » ; oni bonvolu legi « *sia* propra nomo ».

---

(1) Oni sendu la solvojn al S ro **Frans Schoofs** sekretario de la redakcio, 49. Kleine Beerstraat, Antwerpen. (49. rue de la Petite Ourse, Anvers.)

Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto estos publikigataj la nomojn de la solvintoj. Belaj premioj estos aljuĝataj.

Oni povas respondi pseŭdonime.

## DEZIRAS KORESPONDI :

S-ro J. WEINMANN, Tatarsky, per N-ro 14, kursoj de l' Cernjajew. *St Petersburg.*

S-ro D. G. KONSTANTOPULOS. *Arta* (Greklando).

S-ro H. GEIGER, Dob-ut. 19. I. 18, *Budapest.*

S-ro RUDOLF RITTER, Mikulands ul č. 4 n. *Praha* II. (Bohem.)

S-ro LUIS E. SEPULVEDA CUADRA, Profesoro de Esper anto, Casilla 1679. *Santiago* de Chile.

S ro DROING GALMBOCHEN, Johnson Street, 108, *Mil waukee.* Wis. U. S. A.

S-ro H. WUTTKE, gimnaziano, Pionierstrasse, 21, *Magdeburg* (Germanujo).

——

Deziras korespondi kun esperantisto kiu ĉeestos la estontan kongreson en Washington :

S-ro JOHANO WILLIAMS, Astor Street, 859, *Milwaukee.* Wis. U. S. A.

——

S-ro J. B. WOTTRICH, instruisto, Friedenstrasse, 46, *Magdeburg* (Germanujo) deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kaj interŝanĝi uzitajn poŝtmarkojn kun eksterlandanaj.

# BELGA KRONIKO

## GRAVA AVIZO

*Ni atendas regule antaŭ la fino de ĉiu monato informojn pri la esperantista movado en la diversaj belgaj urboj kie ekzistas grupoj aŭ loĝas samideanoj.*

Preskaŭ ĉiuj belgaj grupoj gratulis, letere aŭ telegrafe, nian karan Majstron D-ron Zamenhof, okaze de la 50a datreveno de lia naskiĝo.

En diversaj lokoj la esperantistoj solenigis la 15 an de Decembro per festaj kunvenoj, pri kiuj B. E. ricevis tre interesajn sciigojn.

**ANTVERPENO.** — La Centra Komitato de la grupoj de Antverpeno kaj ĝiaj antaŭurboj [*Antverpena Grupo Esperantista, Verda Stelo, Suda Lumo, Berchema Grupo Esperantista, Laboro* (Borgerhout)] organizis en la vasta festsalono de la «Grand Café» tre sukcesintan koncerton, kiu kunigis pli ol ducent samideanojn. La programo enhavis uverturon por fortepiano, esperantistajn kantojn kaj deklamaĵojn, plie esperantemajn kanzonojn de nia amiko S-ro Gabriel Chavet kaj neeldonitan vaŭdevilon, *Amours espérantistes,* verkitan de D-ro W. Van der Biest, ano de la Antverpena Grupo Esperantista. Kiel interpretantoj distingiĝis F-inoj Erès kaj Géhache, S-roj Sergy, Ipeka kaj Emeroux, la kantisto S-ro Gaspar kaj F-ino Paŭla de Jaegher, kiu talentplene ludis la pianoforton.

S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la Centra Komitato, en tre ap laŭdita parolado rememoris la festheroon, la genian kaj amatan D-ron Zamen-

hof, la noblan celadon de lia kreiataĵo kaj la grandan disvastigadon kiun Esperanto jam atingis. Finante, la oratoro faris aludon al la VIIa internacia kongreso, okazonta en Antverpeno dum 1911.

Je l'fino de l'koncerto la tuta kunvenintaro stariĝis, kaj kantis plej entuziasme la himnon de l'esperantistaro : *la Espero.*

Ĝis tre malfrue la samideanoj de la kvin grupoj restis kune, interkonatiĝante kaj interfratiĝante. Oni kantis la belajn kantojn verkitajn de nia amiko Fr. Swagers kaj oni disiĝis, tre kontenta kaj feliĉa pro la bona sukceso de la festo. AM.

**BOOM.** — Merkredon, la 1an de Decembro okazis en la komunuma lernejo Boom centro, la malfermo de la kurso pri Esperanto, organizita de la Booma grupo.

En tre elokventa parolado S-ro J. Clerbaut, prezidanto,klarigis la altan celadon de Esperanto, ĝian utilecon kaj mirindan facilecon.

Tuj poste S-ro Babilon komencis sian profesoran taskon antaŭ 25 novaj adeptoj.

**BORGERHOUT.** — La fervoraj klopodoj de la tiea grupo « Laboro » plene sukcesas. Multe da novaj adeptoj aliĝis : la grupo fondis esperantistan teatran sekcion.

**BRUĜO.** — Nia fervora amiko S-ro Witteryck faris la 29an de Decembro tre sukcesintan paroladon en la « Noord-Nederlandsch Verbond » (Norda Nederlanda Ligo) en Bruĝo. Li malfermos la 15an de Januaro novan kurson al kiu jam aliĝis diversaj eminentaj personoj : la skabenoj de la urbo, advokatoj, kuracistoj, profesoroj k.c. La ekzemplo de S-ro Witteryck estas plej laŭdinda, kaj ni deziras al ĝi multajn imitantojn.

**BRUSELO.** — La 15an de Decembro trideko da anoj de la « Esperanta Pioniro » kaj de la grupo « Zamenhof » organizis en la restoracio « Le Moulin d'Or » (rue d'Assaut) festenon, por rememori la 50an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. La manĝ «programo» estis esperante redaktita, kaj bonege plenumita de la famkonata restoraciestro. Tutkora ĝojo, elokventaj toastaj, gajaj kantoj kaj rakontoj karakterizis tiun belan feston. En la manĝoĉambro paradis la portreto de D-ro Zamenhof, ĉirkaŭita per folioj de hedero kaj esperantaj flagetoj.

Post la festo diversaj novaj adeptoj aliĝis la grupon, kiu estas en plena prosperado. M. M.

**GENTO.** — El tiu urbo ni ricevis plej bonaj informojn. Du novaj kursoj malfermiĝis : unu en la sidejo de la grupo (Hotel des mille colonnes, Statieplaats), kaj alia en la « Cercle artistique et littéraire ».

La estraro de la grupo havis le honoros esti invitata de Lia Episkopa Moŝto kaj de Lia Sinjora Moŝto, la sekretario de la provincestro de la Orienta Flandro. Ambaŭ eminentululoj tre interesiĝas pri Esperanto, kaj promesis al nia movado sian altan apogon. J. B.

**LIEĜO.** — Dimanĉon, la 20an de Decembro, la *Lieĝa Grupo Esperantista,* la *Verda Stelo* (Lieĝo), la *Grupo Esperantista* de Verviers, *Antaŭen* (Beyne-Heusay) kaj la *Sereza Grupo Esperantista* estis kuniĝintaj por festi la 50 an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

Je la 5a posttagmeze cento da gesamideanoj ĉeestis en la Instituto Paumen, sidejo de la du Lieĝaj societoj, kaj eniris iom poste la bele per flagoj kaj surskriboj ornamitan festsalonon, kie okazos la soleno.

S-ro Kolonelo de Troyer, prezidanto de la Lieĝa grupo, malfermante la feston, deziras bonvenon al ĉiuj geamikoj alvenintaj el diversaj partoj de la provinco. Li ĝojas pro la certa sukceso de la festo, la unua, organizita en Lieĝo. Li dankas la organizintan komision kaj speciale S-ron Morabito, direktoro de l'Instituto Paumen, kiu tiel afable permesis la uzadon de siaj salonoj.

S-ro D-ro Dupont, prezidanto de la Grupo de Beyne-Heusay, ĝojas pro la multnombra ĉeestantaro. Tiu fervoreco alportas al la kondukantoj de nia movado grandan kuraĝigon. Tiu frata partopreno en la hodiaŭa festo montras la entuziasmon de la kolegoj kaj samtempe ilian sinceran amon al la genia homo, D-ro L. L. Zamenhof, kiu trovis la finan solvon de la malfacila problemo de lingvo internacia.

La elpensinto de Esperanto ne nur celis doni praktikan komunikilon inter la diversaj rasuloj ; lia penso estas multe pli alta ; ĝi estas homama kaj sankta : la interna ideo de esperantismo estas « frateco kaj justeco inter ciuj popoloj. »

Li invitas la ĉeestantojn aklami la nomon de D-ro Zamenhof, glorindan nomon, enskribitan en la orlibro de la grandaj bonfarantoj de l'homaro, amindan nomon de l'apostolo de la nova sento, de la interhoma paco.

Li faras alvokon al la esperantistaro por ke ĝi restu konstante fidela al la Zamenhofa lingvo kaj bondeziras al nia kara Majstro longan kaj feliĉan vivon kaj la baldaŭan triumfon de Esperanto.

Unanime la kunvenintaro decidas sendi al D-ro Zamenhof la jenan telegramon :

*La esperantistaj grupoj de la Lieĝa provinco, kuniĝintaj hodiaŭ ĉe intima festo en Lieĝo, aklamas la gloran Majstron.*

S-ro Frans Schoofs, el Antverpeno, alportas al la valonaj samideanoj la fratajn salutojn de la flandraj kunbatalantoj. Je ilia nomo li gratulas la ĉi tiajn amikojn pro la definitiva vekiĝo de la esperantista movado en Lieĝo. Li rimarkigas ke estas ĝojega fakto ke dum la jus pasintaj monatoj, kiam oni agitadis la spektron de la ŝanĝoj, Esperanto ĉie, kaj ankaŭ tie ĉi faris grandegajn progresojn. Li deziras sukceson al ĉiuj estontaj klopodoj kaj entreprenoj de la Lieĝaj esperantistoj.

La bela koncerto kiu sekvis ĉarmis la tutan ĉeestantaron kiu malavare kaj prave aplaŭdis la klopodemajn propagandistojn,kiuj kantante aŭ deklamante kunlaboris al tiu ĉi koncerto. Ni citu F-non Ghaye (Beyne-Heusay), S-rojn Hody, Schwartz kaj Vatriquant (Liège) Batthasar, Bay, (Beyne-Heusay) Langé, Parotte, Pirnay (Verviers) kaj Wilmotte (Seraing). Ni ne forgesu S-ron Wagener, kiu akompanis fortepiane la gekantistojn.

Inter la diversaj numeroj de la programo oni servis al la partoprenantoj bonegan lunĉon.

Mallonge, bone sukcesinta festo. La organizintoj ricevu nian sinceran gratulon.

Suso.

**ST MARIABURG.** — La 14an de Decembro la tiea grupo « la Verda Flago » organizis tre sukcesintan feston, okaze de la 50a naskiĝtago de D-ro Zamenhof. La agema prezidanto, S-ro Willemsen, parolis pri la elpensinto de nia kara lingvo, ĝia utileco, alta celado kaj granda disvastigado, kaj ricevis, je l' nomo de ĉiuj ĉeestantoj, la dankojn kaj gratulojn de la sekretario de la grupo. Poste okazis bela koncerto, kie, cele distingiĝis la talentplena flutludisto S-ro Ern. Van Langendonck. Ĉe l'fino de l'koncerto la multaj ĉeestantoj kantis « l'Espero », kaj vizitis la esperantemajn kafejojn de l'vilaĝo, kie ili kantis kaj rekantis je l'honoro de la jubileanto,

La « Verda Flago » organizis en la knabina lernejo esperantan kurson, kiu tre bone sukcesas.

J. W.

**VERVIERS.** — La 13an de Decembro 1909,ĉe la « Esperantista Grupo » oni festis tre brile la 50an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Post kiam oni estis aklaminta la tekston de la poŝtkarto sendita al la Majstro, organiziĝis ĝojega muzikparto en kiu partoprenis multaj elementoj de la grupo. Bedaŭrinde la manko de loko malhelpas raporti detale pri tiu festo dum kiu oni kantis, fortepiane kaj violone ludis, deklamis kun tiom da bonvolo kiom da talento. La kunveno finiĝis per granda loterio kiu konsistis el tre komikaj lotaĵoj, kiuj kaŭzis multe da ridesplodoj.

La « Esperantista Grupo » organizis tiun vintron tri kursojn kiuj bone sukcesas : unu en Verviers, la dua en Ensival, la tria ĉe la nova grupo « Verda Stelo ». S-ro Parotte jus faris (le 29an de decembro) paroladon pri Esperanto ĉe la « Cercle Franklin », Societo de Instruado kaj rikoltis multajn aliĝojn por la kurso kium li estas dononta en tiu societo.

Resume do, en Verviers kvar kursoj instruas novajn adeptojn pri la belsona lingvo de Zamenhof.

J. Herla.



## Het Esperanto in den Vreemde

Bij gebrek aan plaats hebben wij deze rubriek moeten verschuiven tot het volgend nummer.

## L'Esperanto à l'Étranger

Par défaut de place cette rubrique a été remise au prochain numéro.

---

## Al niaj korespondantoj kaj kunlaborantoj

1. Sciigojn pri via grupo bonvolu havigi al ni plej malfrue la 25an de ĉiu monato.

2. Ne forgesu sendi al B. E. la jurnalojn de via regiono kiuj enhavas artikolojn pri nia movado.

3. Skribu tre legeble, prizorgu ĉefe la literojn **u, n, r, z, a, o** kaj aliajn, tre facile konfuzeblajn.

4. Skribu prefere sur grandformatan (ministran) paperon, kun larĝa marĝeno maldekstre.

5. Skribu nur sur unu flankon de la folio.

6. Korektu senprokraste la al vi senditajn presprovajojn, kaj resendu ilin poŝtrevenante.

7. Ne faru tro longajn frazojn.

8. Evitu la tro longajn kunmetitajn vortojn.

9. Ne traduku laŭvorte, sed laŭsence.

10. Ne verku aŭ traduku versaĵojn, ne ellerninte la regulojn de la versfarado.

---

# Dua Internacia

# BELGA KONGRESO

## Brugo, 15-16 Majo 1910.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen, (rue de l'Aigle, 26, Anvers).

---

I.—**Esperanto Verlag Möller & Borel,** Lindenstrasse, 18/19, Berlin.

A) D-ro BURWINCKEL. — *La Kormalsanoj, priskribo popularo,* esperanta traduko de D-ro KUNSCHERT (24 × 15), 40 paĝoj. Prezo : Fr. 1.25 = Sm. 0.5.

Ĝenerale la publiko nenion legas pri medicino krom.... malfeliĉe, kelkajn ĉiam trompemajn anoncartitolojn. Jen nun interesa libreto, skribita kaj esperantigita de kuracistoj, tute komprenebla de ĉiu, pli ol rekomendinda, ne nur utila, sed necesa. La klareco de l'stilo, la akurateco de l'ideoj estas admirindaj ; mi legis la verkon kun granda plezuro, kaj mi estos feliĉa, se multaj el niaj gelegantoj bonvolos konatiĝi je ĝi.

D-ro AMATIDO.

B) D-ro L. L. ZAMENHOF. *El la Biblio.* Elektitaj ĉapitroj de la *Psalmaro, Sentencoj de Salomono* kaj *Predikanto.* 48 paĝoj. Prezo : Fr. 0.25=Sm. 0,1.

C) D-ro L. L. ZAMENHOF. *El dramoj,* tradukitaj el germana lingvo. Fragmentoj el *Ifigenio en Taŭrido* (Goethe) kaj *La Rabistoj* (Schiller), 48 paĝoj. Prezo : Fr. 0.25=Sm. 0,1.

D) D-ro ZAMENHOF. *El komedioj,* fragmentoj el *La Revizoro* (Gogol) kaj *Georges Dandin* (Molière), 48 paĝoj. Prezo : Fr. 0.25=Sm. 0. 1.

Tiuj tri lastaj verkoj estas la n-roj 6, 7 kaj 8 de la Esperanta Biblioteko Internacia (14 × 18).

Ĉar la libretoj estas verkitaj de nia Majstro mem, la esperantistoj povos trovi en ili plej purajn specimenojn de stilo kaj de korekta lingvo.

Plian rekomendon ili ne bezonas.

III. **Eldono de Frieda Döninghaus,** Köln a/Rh. Lindenthal.

S-ino FRIEDA DÖNINGHAUS kaj F-ino H. DE CHALMOT.— *Kalendaro por lingva ripetado en kvar lingvoj : Esperanto-Franco-Germana kaj Angla.* Sur 53 folioj (25×15). Prezo Mk. 1.50 = Sm. 0.75.

Jen ŝirkalendaro, enhavanta por ĉiu tago de la jaro kvarlingvan tekston pri la ĉiutago vivo, proverboj, kc. La aŭtorinoj elektis kiel devizo de sia publikaĵo : Ripetado estas la fonto de scipovo. Estas ankaŭ mia opinio, kaj traleginte la tre laŭdindan verkon de la estimataj aŭtorinoj, mi plezure esprimas al ili mian sinceran gratulon kaj mian tutkoran bondeziron pri sukceso.

AMATUS.



# LITERATURA PARTO

# Pri Floroj, Birdoj kaj Kantoj

**Parolado de laUrbestro Jan Van Rijswijck al la geknaboj de la Antverpenaj lernejoj, okaze de la nacia festo de la 21a de Julio 1904, organizita de la urba administracio en la komerca borso.**

**Jan-Cornelis Van Rijswijck** naskiĝis en Antverpeno, la 17an de Februaro 1853. Li studadis intersekve en la instituto de Melle, la kolegio de la S-ta Triunuo (Loveno), en la universitato de Loveno kaj en tiu de Bruselo, kie li akiris dum 1876 la titolon de doktoro de leĝoscienco.

De 1876 li funkciadis kiel advokato en Antverpeno, kie du jarojn poste li partoprenis en la politika vivado. En la jara 1878 li estis elektata kiel provinca konsilanto kaj en 1881 kiel urba konsilanto; en 1889 li fariĝis skabeno de la publika instruado kaj en 1892 la Reĝo konfidis al li la funkciojn de urbestro de la granda belga komerca metropolo. Post longa malsano li mortis en Testelt apud Diest (Brabanto), la 23an de Septembro 1906.

Jan Van Rijswijck estis unu el la plej eminentaj viroj, pri kiuj dum la lastaj jaroj Belglando fieras. Fama advokato kaj juristo, elokventa oratoro, lerta magistrato, li estis ankaŭ vera artisto, sentema aŭtoro kaj klera lingvisto. Sed, kvankam li perfekte sciis kaj flue sin esprimis per la franca, la angla, la germana, la hispana kaj la sveda lingvo, li tutkore preferis sian belan, karan gepatran idiomon, la flandran, kiun li parolis plej ĉarme kaj elegante.

Jan Van Rijswijck ĝuis, dum sia tuta vivo, la popolan estimon. Dum sia tuta kariero li ne flankiĝis de la vojo de l'devo kaj de l'honoro.

La urbo Antverpeno donis lian nomon al unu el siaj publikaj placoj.

Karaj infanoj,

Vi estas ree kunigitaj, kiel ĉiujare, por honori la statuon de la Patrujo, kaj por meti antaŭ ĝiaj piedoj, kiel oferajon, la florojn de via amo kaj la palmojn de via honorigo.

Sed ne ĉiam konvenas ke glorante la patrolandon, ni bruegu la bataltrompeton kaj rememoru la heroaĵojn plenumitajn de niaj praavoj.

Hodiaŭ mi volas paroli pri pli pacaj, pli trankvilaj virtoj, kiuj ne malpli ornamas vin. Ĉu mi ne diris al vi je antaŭa okazo : « el ciuj viaj bonaj ecoj la patrujo kreskos » ? Mi volas do paroli al vi pri floroj, birdoj kaj kantoj.

Tamen ne estas feina rakonteto ; ĝi estas ĉerpita el nia ĉiutaga vivo kaj aplikekla al vi. Aŭskultu ĉiuj.

En granda urbo, meze de la domaro de l'homoj kaj meze de l'konstruaĵoj kiuj havas publikan karakteron, estas pli ol

unu vasta placo, kie ne staras domoj. Tiuj placoj oni lasis liberaj, por ke lumo kaj aero bonfare povu malsuprenflui sur la maljunan kaj junan homaron. Oni ja diras ke ili estas la pulmoj de la urbo kaj tio estas vera, ĉar ĝi spiras per ili.

Kiel ĉarme estus, se ĉirkaŭ la tien metitajn benkoj, ankaŭ arboj kaj floroj povus kreski, kun sia bonfara ombro, kun siaj koloroj kaj formoj, kiuj estas ornamo por la okulo.

Sed ve! la junularo fortranĉas la florojn, elŝiras la trunkojn kaj eĉ ne lasas nedifektitajn la benkojn. Mi diris « la junularo », mi volas celi ian junularon, kiu tie ĉi ne estas; malzorgita junularo, kiu ne lernejon iras, kiu vagadas ĉirkaŭ la dokoj kaj kies sentoj prefere celas malbonon. Ĝi estas simila al nubo da akridoj detruanta ĉion laŭ sia vojo. Al ili neniu polico helpas; estas putrigitaj koroj.

En la norda parto de la urbo ekzistas granda ebenaĵo, iama ripozejo de mortintoj, nune ripozloko por la vivantoj. Ni tre ŝatus aranĝi tie gardenon aŭ almenaŭ kreskigi iun plantaron. Kiel agrable la maljunuloj tie sidus, sub la ombroriĉa arbaro: kiel ĝoje la junuloj tie ludadus! Sed ni. preskaŭ ne kuraĝas, timante la malbonfarantajn infanmanojn. Eĉ la fera kaĝo ĉirkaŭ ĉiu arbo ne estas sufiĉa protektilo.

Kaj tamen ni devos.

Tial, karaj infanoj, mi volas min turni al vi, al vi, kiuj en la lernado tre saĝan instruadon ĝuas. La policistaro faros ĉion, ĉion, kion ĝi povas, sed vi ankaŭ helpu min zorgi por ke la floroj kaj arboj estu protektataj, ĉar por vi kaj por viaj familianoj ili estas tie plantitaj.

Jen estas la fino de la unua strofo, la strofo pri la floroj.

* * *

La dua strofa estas pri la birdoj, pri la plumhavanta estaĵaro, kiu traflugas la aeron, sin metas sur branĉon kaj arbon, kaj resonigas ĉion per sia kantetado.

Ĉu ie ekzistas io pli libera kaj pli gaja ol birdo? Ve! ankaŭ ilin ne indulgas la kruela mano de l'homoj.

Ni parolu pri hirundo! Pri la rapideco de sia flugado ĝi superas la poŝtkolombon. Ĉiun jaron ĝi ree venas el malproksimaj landoj por konstrui sian neston ĉe la sama domo. Ĝi ne povas vidi ĝin kaj tamen ĝi tien revenas, puŝata de iu miriga instinkto, kiun mi ne scias klarigi. De la tagiĝo ĝis kiam la suno donas sian lastan radiaron, la hirundo tien kaj reen flugetas tie supre.

La nombro de parazitaj insektoj detruataj de ĝi estas miriga.

La hirundo ne povas vivi en kaĝo; malliberiĝo estas por ĝi la morto. Kaj tamen, malspritaj homoj atakas la hirundon kaj portas ĝin kiel ornamaĵon sur sia ĉapelo. Pli kruela ol akcipitro kaj vulturo, kiuj nur mortigas por ŝatiĝi, la ĉasistoj eliras kaj sukcesas surprizi la hirundon kiam ĝi, laca pro longa vojaĝo, ĉi sube ripozas kvazaŭ dirante: « pli malproksimen flugi mi hodiaŭ ne kapablas ». Centoj, ne miloj kaj rea miloj da ili estas ĉiujare mortigataj, kaj baldaŭ ne plu ekzistos hirundoj.

Precipe en Italujo la hirundo estas ekstermata, sed ankaŭ en nia lando okazas samspeca mortigado. Ĉiujare, kiam la Oktobra suno sendas malsupren siajn adiaŭradiojn kaj kiam la birdaro forflugas al pli varma regiono, tiam aperas ĉe ni la birdkaptisto kiu pretigas siajn kaptilojn. Per unu kaptilfermo fringoj, liguroj kaj alaŭdoj estas centope kaptitaj.

Oni mortigas la esperon de la estonta birdaro, kiu estas poste enigata en la malsobran stomakon de la delikatuloj.

Ho infanoj, neniam kunhelpu tiun malnoblan buĉadon. La kaptado de paruoj estas jam malpermesata; ni senpacience atendas leĝon kiu ankaŭ malpermesos la starigon de kaptaj fadenaroj. Ili ne pensas, la birdetoj, ĉiu-okaze kiel ni; sed ili sentas kiel ni. Kiel abomena rabobesto la homo devas sin prezenti al ili. Indulgu do tiujn senkulpajn infanojn de l'naturo: ili faras tiom da bono kaj ili estas tiel malgrandaj.

* * *

Mia tria strofo estas pri kantoj.

Junaj koroj, junaj gorĝoj, ĉiuj kantas. Kiel bela estas tiu kantado! Mi celas la popolan kanton, tiel malnovan kiel la historio. La popolo ĉiam kantis, ĉu pro ĝojo, ĉu pro doloro.

« La birdeto kantas, ĉu pro mizero ĉu pro riĉego » estas Antverpena proverbo.

Aŭskultu kia timplendo resonas tra la tempoj! Estas la kanto de niaj martiroj, kiuj super ĉio la patrolandon kaj la liberecon amis. Aŭskultu la militkanton de l'junuloj kaj de l' knaboj! Mi jus ree aŭdis ĝin « malrapidan kaj solenan kvazaŭ preĝo. »

La maljuna virino sidas antaŭ la ŝpinilo kaj kantetas kanton dum ŝia radeto bruas. Por ŝi la vivo baldaŭ finiĝos, estas kvazaŭ ĝi finiĝas kune kun la ŝpinfadeno. Sed la knabinoj, kiuj havas ankoraŭ la tutan vivon antaŭ si, kantadas pri amo, jam tiom multaj miloj da jaroj. Nur la malbonuloj ne kantas.

En ĉiuj okazaĵoj nia popolo kantis. Ni posedas trezoron da malnovaj kantoj, parte eligitan de sub de longe per polvo kovritaj folioj, kaj niaj muzikistoj ĉiam ĉerpas el tiu trezoro.

Kiel do okazas ke popolo tiel perl-kaj juvelriĉa, tiel ofte ĉerpas ŝtonojn el la rivereto? Kaj se estus nur ŝtonoj el la rivereto!

Mi prefere turnas min al vi, karaj knabinoj. Pensu pri la plej malriĉaj inter la malriĉuloj kiuj eĉ ne konas kantetojn kaj tamen volas kanti. Sed kiel? La hontruĝo aperas sur vian vizaĝon pro la aŭdado de tiom da malnoblaĵo.

Nu, ŝajnas ke tiu mizero baldaŭ finiĝos. La Antverpena sekcio de la Nederlanda Ligo intencas ree instrui al la popolo ĝiajn malnovajn kantojn. Ĉiusemajne oni ilin antaŭkantas, la muzikon kaj ankaŭ la parolojn. Tie la trezoro estas malfermata kaj la enhavo disdonata al ĉiuj. Apud la malnovaj kantoj ekzistas novaj, tiom multe de allogantaj melodioj, tiom multe da sencriĉajn vortojn. Mi nomos nek la poetojn nek la komponistojn, timante forgesi kelkajn el ili, sed iru vi mem al la loko kie oni lernas tiujn kantojn kaj ravate vi aŭskultos la belegajn kantetojn. Iam viaj infanoj lernos ilin de vi. Ho, la kanteto de patrino! Kiel ĝi vekas dolĉajn memoraĵojn! Ŝajnas al mi, ke oni pli amus patrinon, se estus eble, patrinon kiu konas tiel belajn kantojn.

Kaj nun mia lasta strofo estas kantita.

* * *

Oni povas al si demandi kial nia lando kaj nia popolo pri tio ĉi tiom prokrastiĝis. Ĉar ekzistas landoj kie oni lasas la florojn ĉe ilia trunko, la birdojn en vivo kaj kie la popolo konas trezoron da kantoj kaj ĝin malavare disĵetas en ĝojo kaj en doloro. Germanujo kaj la Skandinavaj landoj povas esti nomataj tie ĉi. Ĉu la tiea popolo estas pli bona, malpli ruda, pli civilizita ol nia? *Plibona* ol nia! Kiu, amanta sian popolon, ne hontas pri tiu ideo! Plibona ĝi certe ne estas, sed pli civilizita, jes. La lernejo tie plenumis sian laboron, la lernejo kiun ni nur parte konas, ĉar niaj infanoj forlasas ĝin multe tro frue.

Atendante plibonigon pri tio, konservu en viaj koroj la vortojn de viaj instruistoj; estu bonaj homoj, lernu ami la florojn kaj la arbojn, lernu protekti la birdojn anstataŭ ilin mortigi, kaj lernu precipe, lernu tiujn belajn flandrajn kantojn, ĉar pli belaj ne ekzistas.

Kulturante en vi mem tiujn virtojn kaj donaĵojn, vi iĝos bonaj civitanoj por la laŭdo la kaj honoro de l'Patrolando.

El flandra lingvo tradukis
FRANS SCHOOFS.

